# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 25/04/2015 Ducent dekkvara eldono 25/04/2015** SENDITA (unua eldono 20/09/2011)

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl**+**alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★

**Esperanto-ŝlosilo** Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. EFNSK havas kopiojn.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

**Sendu viajn Esperanto-novaĵojn ankaŭ al la Novaĵletero. (per tio al la mondo)**

# 67. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO

## Konjunkcioj kaj Subjunkcioj. C.



Se temas pri du malegalaj propozicioj, la du kombinitaj malegalaj propozicioj (= sentences) havas rilaton difinan, Unu estas la ĉefa propozicio, kaj la difinanta nomiĝas suborda propozicio. La vorteto liganta ilin estas subjunkcio aŭ havas tian funkcion, kaj ĉiam enkondukas la flankelementon, la subordan propozicion, ekz. "Li foriris, kvankam la patrino petis lin resti", kaj "Mi ne sciis, ke li malsanas", kaj "Se ŝi volas aŭtobusi, ŝi devos havi bileton", kaj "Vizitu nin, post/antaŭ ol ni manĝos". Al tiu speco de subordaj propozicioj apartenas ankaŭ la rilataj subfrazoj, kiaj "La pramo, sur kiu ni vojaĝis, poste subakviĝis", kaj "Ni hejmiris pro tio, ke ni prognozis pluvon", kaj "Ni foriris (tiam), kiam la pluvo ĉesis". "En ĉi tiaj kazoj la liganta vorteto plej ofte estas rilata pronomo".

Marcel Leereveld.

# 3ZZZ Melburno



# Eĥo de 3ZZZ



En la elsendo de la 20a de aprilo 2015 Marcel Leereveld klarigas kio estas la gramatiksimboliko, kiun li elpensis. Li serĉas kunlaborantojn por surdiskigi tiun simbolikon.



Se vi volas scii pli pri tio, aŭskultu la elsendon, elektante unu el la sekvaj adresoj:
www.3zzz.com.au (aŭdebla ĝis la 27a de aprilo)
www.melburno.org.au aŭ www.esperanto.com.au
Ĝuu la aŭskultadon,
la kunvokanto por la Esperanto-programo, Franciska Toubale



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm
Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo



Venis Steven Garamy, Roger Springer, John Casey, Franciska Toubale, Eunice Graham

Kunveno je la 18a Aprilo. Franciska Toubale vizitis Manlion kaj nian klubon. Post la kunveno, krom Eunice kiu sentis sin iomete ne sana kaj Steven kiu deziris pluan bicikladon, ni vizitis la hejmon de Roger kaj manĝis ĉin-stilan lunĉon.

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto-Asocio
ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

La venontaj Skype kunvenoj estos jaŭde 30/04, 21/05, 11/06, 02/07, 23/07

# Esperanto-Domo Sidnejo

La 3an de majo 2015 okazos la venonta kunveno.

★★★★



## Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo

Andreo Rosenbaum, Usona Esperantisto alvenos al la ED gastdormejo (Sidnejo) dimanĉon vespere (la 26an de aprilo), kaj foriros mardon matene (la 28an de aprilo).

Li informis nin:

Mi estas Andreo ROSENBAUM, Usona Esperantisto. Mi estos en Brisbane de la 19a ĝis la 24a de aprilo por partopreni kongreson ICASSP 2015. Sekve, mi turismos, eble ĉe la Great Barrier Reef, kaj poste ĉe Sydney. Mi foriros el Sydney je la 28a de aprilo.

Plaĉegus al mi renkonti samideanojn en via bela lando. Ĉu vi volus renkontiĝi iam dum tiuj tagoj? (Kaj bonvolu plusendi miajn informojn al lokaj Esperantistoj en tiuj urboj.)

Dankon, kaj esperante vidi vin baldaŭ!
Amike salutas,
Andreo ROSENBAUM

★★★★

La **GASTDORMEJO** de EFNSK devas esti antaŭmendita de estontaj Esperantistaj gastoj.
Neniuj Esperantistoj loĝas tie aŭ proksime por helpi gastojn.
Se eble antaŭmendu almenaŭ 2 semajnojn antaŭe. Tio helpas nin prepari la gastdormejon.

Sendu ĉiujn petojn por resti ĉe la gastdormejo al la Sekretario per retmesaĝoj al:
gymea@hotmail.com; rspring@tpg.com.au; **kaj** nsw@esperanto.org.au;

## Eĉ mallonga raporto kaj foto informas ke via klubo ekzistas

# Beth Wearing forpasis.



**La "adiaŭa ceremonieto" okazis ĵaŭdon la 23-an de aprilo** ★
**AE sendas sian kondolencon al ŝia familo:**
**Max Wearing (edzo) kun filoj Joseph, Richard kaj David,**
**kaj ankaŭ al ŝiaj geamikoj.**

# Richard Delamore ĉe Jutubo



Richard kreis plurajn filmetojn pri Esperanto en la angla lingvo. Ekzemple tiun
https://www.youtube.com/watch?t=641&v=A6SSErqkVCE
Amike, Nicole

# Nicole Else tradukis el la angla

Viro estis petita solvi tiun moralan problemon ĉe laborintervjuo. Kiel vi estus respondinta tiun demandon? Sube vi trovos tre lertan respondon.

Vi stiras vian aŭton dum pluvega, ventega, malvarmega vespero. Vi preterpasas bushaltejon kie atendas 3 personoj:

1. Maljunulino, kiu aspektas ege malforta, malsana.
2. Malnova amiko de vi kiu antaŭ pluraj jaroj savis vian vivon
3. Bela virino kiu similas al la perfekta virino de viaj songôj

Kiun el la tri personoj vi elektos helpi sciante ke estas spaco nur por unu persono en via aŭto?

Pripensu iomete, kiun personon vi elektus? Kiel vi respondus tian demandon?

Eble vi elektos la maljunulinon, ĉar ŝi eble mortos se ŝi malvarmumiĝas estante tre malforta. Aŭ vi povus elekti la malnovan amikon ĉar li ja savis al vi la vivon kaj do tio-ĉi estas bonega okazo por danki lin. Sed se vi elektas unu el tiuj du eble vi neniam plu revidos tiun belulinon kaj perdos la eblecon konatiĝi kun ŝi.

Jen la plej bona respondo ricevita:
"Mi simple donus la ŝlosilojn de la aŭto al mia malnova amiko kaj petus lin konduki la maljunulinon al kuracisto. Mi restus ĉe la bushaltejo kun la belulino.

Jen kiel respondi al tia demando. Ĉiam provu trovi originalajn respondojn!
(tradukita el la angla)

# Hejmreveno de Margaret Chaldecott

Dum mi estis en malsanulejo, 'iu' decidis ke mia domo estis en malordo, kaj ŝi aranĝis ke la loko estu ordigita.

Do, ekde mia reveno, mi estis ege okupata - serĉante diversajn aferojn.

Ekzemple, kie estas la longa 'gladtablo' (ironing board) sur kiu mi metis aferojn pri kiuj mi devas/volas labori. Ĉu mi jam pagis tion aŭ ne? ĉu mi finlegis ĉi tiun artikolon? Kie estas mia mallonga ombrelo? Kie estas la malgranda tenilo kiun mi ricevis en iu eksterlanda UK? Kaj per kio mi povas porti mian malgrandan MacBook? Kie estas la verda litkovrilo? Kie estas mia malgranda 'Scrabble' ludilo?

Sed, strange, subite aperis stoko de Women's Weekly ĵurnaloj. Mi neniam aĉetas, nek legas tiujn.

Sed, ĉar ili ja havas Esperantajn aferojn mi trovis interesajn pecojn. Unu rilatas al nova 'monda lingvo', tajpita per ĉefaj literoj, de iu en Pahrump, Nevada. Mi ne trovis daton sur ĝi, sed ŝajnas ke ĝi estis la unua provo krei novan lingvon. Sur la 6a paĝo tiu skribis "SORRY, NOT FINISHED. WILL FOLLOW UP.(Bedaŭrinde ne finite, sed finota)
Mi ne scias ĉu ja enis 2a provo.

La alia, kun dato 1930, estis formo de ĉiam-uzebla poŝtkarto. Sur ĝi estis 9 spacoj en kiuj oni povas skribi la adreson de ricevonto; sub tio estas spacoj por sekvantaj 8 personoj kun peto ke la 8a resendu ĝin al tiu kiu komencis ĉi tiun vagantan poŝtkarton.

Interesa ideo. Oni devas prepari/presi ĝin kun konsento de la poŝtaj aferoj.

Margaret

# Tre interesa renkonto de eksterlandaj esperantistoj en 1978

## Surprizo: ili vizitis Melburnon la 15an de Aprilo 1978

Ge-Koppel Fay kaj Herberto, Ge-Fallu Yva kaj Ĝek, Butkunas Napoleon (Litovio), Ane Hearn, Iva Trejnar, S-ro Kenzio Minami (Japana vizitanto) kaj la s-ro Varkaŭskas (Litovio) samtempe vizitis Melburnon, S-ro Domeniko Spinozo estis stevardo je la itala flugkompanio Alitalia.
Mi aranĝis posttagmezan renkontiĝon, hazarde tiu horo taŭgis por ĉiuj. Tiu posttagmezo estis tre agrabla.
S-ro Minami montris diapozitivojn pri la festo “BLANKA-ŜTON-ĜARDENO” Por ni ĉiuj estis tre interesaj belegaj vidaĵoj. Minami ankaŭ rakontis pri spektakloj de iu parada festo.

Domeniko rakontis pri servado de trinkaĵoj al iu pasaĝero kiu ne respondis. Domeniko rimarkis verdan stelon je lia roverso, kaj demandis ĈU VI PAROLAS ESPERANTE ? LA RESPONDO 'JES'. La pasaĝero estis S-ro Varkaŭskas. Li ĝojis ke la stevardo rimarkis la stelon kaj alparolis Esperante kaj li rakontis pri vojaĝospertoj.

Je la fino ni trinkis kafon kaj teon laŭ deziro de iu persono kaj manĝis bongustajn kukojn kiujn mia edzino Zora bakis. Fine S-ro Minami petis permeson de Zora 'ĉu vi permesos ke mi fotu vian domon?' Kun permeso li fotis ĉiujn ejojn de la domo.

La renkontiĝo estis surpriza por ĉiuj. Fine Koppel reveturigis la gastojn en la urbon.

Svetislav kanaĉki stevskank@hotmail.com

# Kontribuantoj al la Novaĵletero

| Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj | 186 | 187 | 188 | 189 | 190 | 191 | 192 | 193 | 194 | 195 | 196 | 197 | 198 | 199 | 200 | 201 | 202 | 203 | 204 | 205 | 206 | 207 | 208 | 209 | 210 | 211 | 212 | 213 | 214 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | | ■ | | ■ | | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | ■ | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | |
| Aliaj Landaj kontribuantoj | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | ■ | | |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Brisbana Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | ■ | ■ | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | ■ | ■ | | | | | | ■ | |
| Kanbero Esperanto -Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Manlia Esperanto-Klubo | ■ | | ■ | | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ | | | | ■ | | | ■ | | ■ | | ■ | | | | ■ | | ■ |
| Melburna "Meetup" Grupo | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | |
| Melburna Esperanto-Asocio | ■ | | ■ | ■ | | ■ | | | ■ | | ■ | | | | | | | ■ | | | | | | | ■ | | ■ | | |
| N.S.K Esperanto-Federacio | | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ |
| Noumea Klubo (NovKaledonio) | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | ■ | | | | | | | | | | | |
| Okcident-Aŭstralio Esperanto-Ligo | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Sudaŭstralio | | | | ■ | | ■ | | | | ■ | | | | | | | | ■ | | | | | | | | ■ | ■ | ■ | |
| Tasmania Esperanta Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Toowoomba Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Viktorio Esperanto-Federacio | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| 3ZZZ Esperanto-programo | | ■ | | | | | ■ | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | ■ |

"Informu AE, se estas eraro en la listo" rspring@tpg.com.au

**Reklamu vian klubon - Sendu informon.**





